# La Bulteneto

Jaro 2017 ❄ Numero 2



## Du vizitindaj ekspozicioj en Vieno

1

Eble vi neniam aŭdis ion pri Lawrence Alma-Tadema[1] . Tamen li estis siatempe tre fama pentristo, influis aliajn pentristojn kiel Gustav Klimt, kaj liaj bildoj iĝis la modeloj por la filmigo de multaj romanoj, ekzemple “La Pereo de Pompei”. Lastatempe vendiĝis lia bildo “La trovo de Moseo” (vidu sube) kontraŭ la sumo de 30 milionoj da eŭroj.

Lourens Alma Tadema naskiĝis la 8an de januaro 1836 en Dronrijp, Nederlando. La familiaj nomoj de famaj pentristoj aperis ofte en alfabeta ordo, tial li ŝanĝis sian nomon al Alma-Tadema.

Ĝis la 18a de junio 2017 la muzeo Belvedere montras la ekspozicion *"Lawrence Alma-Tadema. Dekadenz & Antike"* en Suba Belvedero, Rennweg 6, 3a distrikto de Vieno. Tramlinio 71 ĝis la haltejo Unteres Belvedere.



Pliaj informoj: https://www.belvedere.at/presse

[1] [lorens alma-tádema]

Eble vi neniam vidis tiel belajn librokovrilojn, kiuj estas nun admireblaj en MAK, la Muzeo por Aplikita Arto ĝis la 28a de majo 2017. Doktoro Ernst Ploil dum jardekoj kolektis tiajn librojn – la unuan li ricevis nur post 20 jaroj da serĉado en diversaj brokantejoj - kaj disponigis ilin nun al MAK por rava ekspozicio. Ofte estas rilato inter la enhavo de la libro kaj ties kovrilo: Sur la libro *La Dia Komedio* de Dante videblas oraj steloj. Tri paralelaj linioj troviĝas sur la kovrilo de la romano *La Tri Muskedistoj*.
Maldekstre libro kun kovrilo de la fama junstila arkitekto Josef Hoffmann el la jaro 1922 aŭ poste, ellaborita de Wiener Werkstätte, el ledo respektive kartono kaj ora pregaĵo.




La dekstra libro kun la titolo „La 16a geedziĝa ĝojo“ venas el la kolekto de Richard Grubman. Ankaŭ tiu kovrilo estas produkto de Wiener Werkstätte, farita en la jaro 1909 de la fama junstila pentristo Koloman Moser. La materialoj estas pergameno, marmoreca papero kaj ora pregaĵo.
Tia bele bindita libro kostis ekzemple 500 kronojn antaŭ cent jaroj, tio estus hodiaŭ 10 mil eŭroj.
Kial oni kolektas tiajn raraĵojn? D-ro Ploil: Temas iel pri obsedo. Sed pli bona ol trinki 200 litrojn da vino!

Vidu: www.mak.at/presse/presse_infos/aktuell

~ ~ ~

La Bulteneto. Jaro 2017. Numero 2. Autoroj: Walter kaj Renate Klag. Redaktejo: 1190 Wien, Rudolfinergasse 8/11, esperanto@chello.at.